JARO XV, Sofia—Bulgario
januaro—marto 1971, № 1

# INTERNACIA



# ĴURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

**Lingvaj Problemoj**

## KIEL ONI VENKAS LA LINGVAN BARILON EN UNO

30 000 dokumentoj jare! Kiajn diplomojn havas la tradukistoj? La unua postulo — inteligenteco

Dum 1969 oni celebris la 25-an datrevenon de la fondiĝo de UNO. En ĝi nun membras 127 landoj, kaj en la „Vitra palaco" — kiel nomiĝas la nubskrapulo apud la bordo de l'Orienta rivero en Novjorko — kaj en la konstruaĵo apud la bordo de Ĝeneva lago en Ĉenevo oni povas aŭdi la plejparton de l'parolataj lingvoj de nia terglobo. La vizitantoj kaj gastoj de UNO ofte demandas sin: „Kiel la delegitoj kaj la konstantaj reprezentantoj de la landoj interkompreniĝas en sia ĉiutaga laboro?"

Kvin lingvoj — rusa, angla, ĉina, franca kaj hispana — estas akceptitaj kiel oficialaj lingvoj en UNO. Ĉiuj salonoj kaj kunvenhaloj havas instalaĵojn por samtempa tradukado; tiamaniere ĉiu delegito povas aŭdi per la aŭskultiloj de sia brakseĝo la parolon de la aŭtoro ĉu en sia gepatra lingvo, ĉu tragukitan en unu el la oficialaj lingvoj.

Pri rapida kaj simultana buŝa traduko en rusa, angla, franca kaj hispana lingvoj (kaj se necese ankaŭ en ĉina) respondecas la tradukista servo. En ĝi konstante laboras 40 kvalifikitaj tradukistoj, sed ĉiusemajne tiu ĉi servo estas devigata serĉi helpon de minimume 20 aliaj eksteraj tradukistoj, por ke ĝi povu kontentigi la postulojn, kiujn oni direktas al ĝi. Ĉiu oficigita tradukisto devas regi anglan kaj francan lingvojn kaj almenaŭ unu el la tri ceteraj oficialaj lingvoj de la Organizaĵo.

La traduklaboroj en UNO tamen tute ne elĉerpiĝas per buŝaj tradukoj dum kunvenoj kaj konferencoj. Same grava tasko estas la tradukado kaj disvastigado de akceptitaj fare de l'Organizaĵo dokumentoj samkiel de protokoloj de la kunsidoj. Pri tiu laboro zorgas la lingva sekcio de UNO en Ĝenevo, kiu estas fondita en 1947. Komence malmultnobra grupo, ĝi estas hodiaŭ unu el la plej grandaj sekcioj de la oficejo. Ties konstanta oficistaro nombras pli ol 300 personoj, tamen ĉiujare estas provizore dungataj ankoraŭ tiom da tradukistoj. La sekcio respondecas pri stenografado, tradukado kaj redaktado en la oficialaj lingvoj de ĉiuj dokumentoj de UNO. Ĝi estas utiligata de

ĉiuj institutoj de UNO. Kiam la laboro necesigas tion, oni sendas grupojn de tradukistoj „al lokoj".

La volumenon de la ĉiujara laboro de la Lingva sekcio oni povas ilustri per kelkaj ciferoj — ĉirkaŭ 30 000 dokumentoj tradukitaj en diversaj lingvoj (sume ĉirkaŭ 140 000 paĝoj). La stenografa laboro estas *kalkulata je 330 000 paĝoj ĉiujare.*

La komplikeco de la taskoj devenas el la postulo pri granda atento kaj singardemo ĉe redaktado kaj tradukado de la dokumentoj pro delikataj politikaj, diplomataj aŭ juraj problemoj, kiujn ili pritraktas. La malfacilaĵoj pligrandiĝas ankaŭ pro fakto, ke la tradukistoj konfrontiĝas kun demandoj ne nur el „klasikaj" sferoj — politiko, financoj kaj aliaj, sed same el diversaj specialaj branĉoj de sciencoj kaj tekniko — malpurigo de aero kaj akvo, disvolviĝo de trafiko, elektrona prilaboro de informoj, atoma radioaktiveco, novaj metodoj en metalurgio ktp. kvankam la tradukado estas „per si mem arto", oni postulas de la profesiaj tradukistoj en UNO sciojn. Pro tio multaj el ili havas ne nur diplomojn pri lingvoj kaj literaturo, sed ankaŭ pri juro, ekonomio, *sociaj, naturaj, inĝenieraj sciencoj. Kaj malgraŭ* tio en speciale malfacilaj kazoj kiel dum iu konferenco pri kartografio, kiu okazis antaŭ nelonge en Teheran, estis necesa la helpo de du konataj internaciaj fakuloj en tiu scienca branĉo.

La tradukistoj utiligas en sia respondeca laboro servojn de la fako pri terminologio kaj teknika dokumentaro ĉe la lingva sekcio *kaj aliajn oficejojn, kiuj eldonas regule bul*tenojn kaj disponas plej novajn vortarojn kaj enciklopediojn.La aferoj tamen ŝanĝiĝas tiom rapide, ke tiuj ĉi „kompendioj" ofte malnoviĝas jam ĉe sia apero. Jen kial „la selektantoj" de aspirantoj por oficoj en la Lingva Sekcio de UNO esperas ne nur je iliaj diplomoj, tamen antaŭ ĉio je l'intelgienteco, kiu estas kapabla kompreni rapide multnombrajn novajn problemojn kaj enmemorigi la novan terminologion. La laboro de la tradukistoj — preskaŭ ĉiam kaj ofte ĝis malfrua nokto — postulas ankaŭ grandan fizikan persistemon. Kaj tamen iliajn klopodojn rekompencas la penso, ke ili priservas la noblan aferon de l'paco kaj progreso en la tuta mondo.

**Ivan Strogov**
Esperantigis St. M.

---

## INTERNACIA ĴURNALISTA KONGRESO

De 4 ĝis 11 de januaro en Havana, ĉefurbo de Kuba, okazis la Sepa kongreso de la Internacia Organizaĵo de ĵurnalistoj (IOĴ), en kiu membras pli ol 100 mil ĵurnalistoj el ĉiuj kontinentoj. La kongreso koincidis kun la 25-a datreveno de la fondiĝo de IOĴ. Centoj da ĵurnalistoj devis lukti kun diversaj *malfacilaĵoj por viziti Kubon. Iuj kolegoj el* la latinamerikaj landoj devis veturi al Eŭropo kaj reveni al Ameriko por ĉeesti la kongreson, aliaj (el Brazilo kaj koreanoj el Japanio) eĉ ne sukcesis.

La kongreson vizitis 167 kongresanoj, 88 observantoj kaj 71 gastoj—entute 316 el 84 landoj, reprezentantoj de divresaj politikaj, religiaj k. a. konvinkoj. Regulajn delegitojn sendis 55 organizaĵoj. En IOĴ membras 64 organizaĵoj kaj grupoj. En la kongreso mem estis akceptitaj novaj 20 organizaĵoj kaj grupoj. IOĴ estas oficiale reprezentata en UNESKO kaj en la Ekonomia kaj sociala konsilio de UNO.

La rezolucio por estonta agado estis unuanime akceptita. Ĝi esprimas la strebadon de la ĵurnalistoj al objektiva informlaboro, al paca interĵurnalista kunlaborado kaj helpo.

**I. J.**

## REAPERIS „PAŜOJ AL PLENA POSEDO"

Perfektiga antologia lernolibro de W. Auld 30 antologiaj literaturaj legaĵoj, vortara difino de 1682 novaj vortoj, 176 ekzercoj. 238 paĝoj. Prezo :2-US dolaroj.

La dua reviziita eldono aperis fine de 1970 en Praha, en 5200 ekzempleroj, kiel komuna eldono de „Heroldo de Esperanto" kaj Ĉeĥa Esperanto-Asocio.

„Heroldo de Esperanto" havas la solan vendorajton por la tuta mondo, escepte de la socialismaj landoj. Por mendoj el la socialismaj landoj oni sin turnu al ĈEA (Blanicka 4, Kralovské Vinohrady, Praha 2).

---

*Estas maldece ricevi gazeton sen pago de abonkotizo. Tial bonvolu tuj pagi vian kotizon por la forpasinta jaro kaj antaŭpagi por 1971. Pagu al la redakcia adreso aŭ reprezentanto de TEĴA!*

*La abonkotizo estas 1·20 us* dolaroj.

Kiam la gazetaro (ankoraŭ ne sufiĉe ofte) skribas pri la Internacia Lingvo ĝi kelkfoje misinformas la publikon, ĉu intence, ĉu pretervole. Prof. Ivo Lapenna aperigis artikolserion pri la Principaro de Frostavallen, komentante unuopajn aspektojn de tiuj principoj, tuŝantajn la problemojn de nia informado.

*Ĉar tiuj artikoloj rilatas ankaŭ al la laboro de la ĵurnalistoj kaj la informado, „I. Ĵ." represas la 3-an kaj la 4-an artikolojn de la serio.*

# POR PLI EFIKA INFORMADO

Prof. d-ro Ivo Lapenna

## 3. KIEL REDUKTI MISPREZENTOJN?

Inĝ. Rudolf Kratzmann (F. R. Germanujo) skribis al ni interesan leteron, kies esenco estas:

„Ĵurnalistoj nacilingvaj, raportante pri Esperanto-okazaĵoj, emas aŭ aldoni al nia proponita teksto sian propran, ofte por Esperanto malpli favoran opinion, aŭ forstreki parton, kio peras al la publiko malkorektan impreson. Tial ni (UEA, landaj asocioj, lokaj grupoj, k. s.) pagu al la gazetoj por publikigo de nia teksto sen ŝanĝoj fare de la ĵurnalistoj."

La leteron ni jam koncize respondis en la novembra numero. *Ĉi tie ni pritraktos pli* detale la temon.

Efektive, ofte okazas, ke ĵurnalistoj — ĉu pro malico, ĉu pro manko de scioj aŭ pro miskomprenoj — erare prezentas aferojn rilate al Esperanto. Eĉ en la raportoj pri la ĵus okazinta Universala Kongreso en Vieno aperis kelkaj eraroj aŭ misprezentoj, kvankam, ĝenerale, la gazetaro kaj de Aŭstrujo kaj de multaj aliaj landoj informis objektive ofte tre favore, dank' al Kongresa Gazetara Servo (KGS).

Por eviti misprezentojn, la rimedo proponita de R. Kratzmann ne ŝajnas taŭga. Ĝi estas eĉ ne realigebla, ĉar seriozaj gazetoj ne kutimas akcepti ordinarajn tekstojn kontraŭ pago. Senkonsidere al tio, estus ege maloportune agi tiamaniere: objektivecon oni rajtas postuli senkompense, certe ne en formo, kiu povus esti rigardata kiel subaĉeto. *Temas ja pri artikoloj* kaj informoj, ne pri reklamoj.

Por eviti aŭ almenaŭ maksimume redukti erarojn kaj misprezentojn ekzistas aliaj metodoj, jam elprovitaj en la praktiko kaj konformaj al la Principaro de Frostavallen.

*La gazetaro skribas* en formo de artikoloj, intervjuoj, raportoj pri iu gazetara konferenco, aŭ informoj pri iu evento.

*Artikolojn* pri Esperanto povas *skribi kiu ajn: ĵurnalisto* aŭ alia persono, kiu ne scias la lingvon kaj sekve riskas fari multajn erarojn eĉ sen malbona intenco, aŭ kompetenta konanto de la afero. Ofte okazas, ke en artikoloj pri diversaj aliaj demandoj, la Internacia Lingvo estas menciata en tiu aŭ alia kunteksto. Por preventi erarojn en artikoloj verkotaj de personoj sen kontentigaj scioj, plej bone estas helpi ilin per anticipa liverado de objektivaj faktoj. Se tio ne eblas, tiam la plej bona metodo estas reagi per leteroj al la redakcio. Kelkfoje sufiĉas tute mallonga letero kun koncize prezento de faktoj, kiuj korektas la erarojn kaj misprezentojn. Kelkfoje estas utile reagi per tuta artikolo. Se la verkinto de la misprezento aŭ eĉ atako estas iu konata persono, necesas atenti, ke la persono, kiu reagas, havu laŭ la ebleco similan socian pozicion. Kutime tio helpas. Se el komenca misprezento evoluas publika diskuto, eĉ polemiko, des pli bone, sed kondiĉe, kompreneble, ke la pledanto por la Internacia Lingvo konu perfekte la faktojn kaj sciu efike argumenti.

Se temas pri artikoloj liverataj al *la gazetoj* fare de la informaj fakoj de niaj organizaĵoj aŭ de unuopuloj, la plej bona asekuro kontraŭ arbitra ŝanĝado de la proponitaj tekstoj estas: doni tekstojn ĵurnalisme bonstilajn kaj maksimume adaptitajn al la karaktero de la koncernaj gazetoj.

*En ambaŭ kazoj — kaj en* multaj aliaj — estas utiligeblaj diversaj CED-dokumentoj, la revuo „La Monda Lingvo-Problemo", la bultenoj de nia Internacia Gazetara Servo (IGS) kaj de la KGS, kiel ankaŭ pluraj verkoj, ekzemple „Lingvo kaj Vivo" de G. Waringhien, „Zamenhof" de M. Boulton, „Retoriko", Unua Parto, de la subskribinto, „Memorlibro pri la Zamenhof-Jaro". k. a.

Por eviti erarojn en *intervjuoj* plej bone estas peti la tekston antaŭ la publikigo. Seriozaj ĵurnalistoj volonte konsentas, ĉar ankaŭ por ili estas neoportune, ke enŝteliĝu eraroj, pro kiuj la intervjuito poste verŝaine protestos ĉe la redakcio.

*Gazetarajn konferencojn* oni povas *aranĝi nur* okaze de iu grava evento: kongreso, konferenco, vizito de iu elstara persono, k. s. Tian konferencon necesas bone organizi. Tio signifas: centriĝi al la evento mem; prizorgi, ke nur kompetentaj personoj donu informojn; disdividi la taskojn inter tiuj personoj kaj nepre eviti kontraŭdirojn; prizorgi unuarangajn tradukantojn, se la informantoj ne scias la koncernan nacian lingvon; anticipe prepari dosierojn por la ĵurnalistoj kun koncizaj resumoj de la informoj, dokumentoj rilatantaj al la evento kaj iu ĝenerala dokumento pri la *Internacia* Lingvo, ekzemple la konata CED/7 (Bazaj Faktoj). Se la GK estas tiel preparita, nur escepte povas okazi eraroj aŭ misprezentoj.

La samaj principoj koncernas ankaŭ mallongajn *informojn*. Efektive, la informaj fakoj de niaj *landaj asocioj* devus regule liveradi al la nacilingvaj gazetoj taŭgajn informojn pri ĉiuj pli gravaj eventoj en ligo kun la Internacia Lingvo. Tiucele estas bonege utiligeblaj la bultenoj de la IGS kaj ankaŭ aliaj materialoj, kiujn publikigas UEA.

*Observado de la supraj su*gestoj certe reduktos la misprezentojn, kiuj sendube ĝenas la pli rapidan disvastiĝon de la lingvo, ĉar ili kreas falsan imagon pri ĝi kaj pri la Esperanto-movado en la publika opinio.

## 4. KION EVITI ?

En artikoloj, prelegoj kaj aliaj rimedoj de informado pri Esperanto siatempe svarmis

misgvidaj esprimoj, kiuj kaŭzis multe da malbono al la pozicio de la lingvo. La Principaro de Frostavallen listigas la ĉefajn erarojn en la p-to 13 de la sekcio rilatanta al la kvalito kaj, interalie, rekomendas ne apliki al la lingvo la epitetojn „artefarita", „helpa", „verda" k. s., sed ĉiam nomi ĝin aŭ La Internacia Lingvo, aŭ Esperanto.

Dank' al tiu rekomendo kaj al insistado de la Informa Fako de UEA kaj de pluraj landaj informaj fakoj, la epiteto „verda" kaj similaj ekstravagancoj komplete malaperis, dum la uzo de „artefarita" kaj „helpa", kvankam reduktita, bedaŭrinde ankoraŭ obstinas.

Ambaŭ esprimoj estas malĝustaj, nenecesaj kaj tre malutilaj.

Malĝustaj ili estas, ĉar ili ne respondas al la fakta karaktero de Esperanto. La lingvoj estas kreaĵoj de la socio kaj ne de la naturo. Lingvoj ne kreskas sur arboj, sed formiĝas kaj evoluas en la sino de homaj kolektivoj. Ili ne estas regataj de biologiaj, sed de sociologiaj kaj lingvistikaj leĝoj. Tial ĉia ajn „biologiigo" de lingvo estas science neakceptebla. Necesas fine kompreni, se tiurilate ne ekzistas principa, esenca, diferenco inter Esperanto kaj la naciaj literaturaj lingvoj. Sekve, se al la angla, franca, aŭ kiu ajn alia lingvo oni ne aldonas la epitetojn „artefarita" aŭ „helpa" aŭ kiun ajn alian maltaŭgan, sed oni tion faras rilate al Esperanto, oni necese kreas superfluajn konfuzon kaj miskomprenon. Per tio oni nur erare kredigas, ke Esperanto estas „kontraŭnatura", do io „nenormala" aŭ eĉ „morta", kompare kun la „normalaj", „naturaj" kaj tial „vivantaj" lingvoj. Pro la sama kaŭzo estas evitinde nomi d-ron Zamenhof „kreinto" aŭ eĉ „inventinto" de Esperanto. Li mem rigardis sin, tute prave, iniciatinto de la lingvo.

La du esprimoj estas ankaŭ tute nenecesaj. La subskribinto publikigis centojn da artikoloj pri la Internacia Lingvo kaj neniam uzis la du epitetojn. Signifas, ke ili estas eviteblaj sen kia ajn malfacilaĵo. Ni ne diskutu ĉi tie la taŭgecon de la esprimo „planlingvo". En scienckaraktera artikolo aŭ verko ĝuste pri tiu demando ĝi certe estas necesa, sed en la ĝenerala informado ankaŭ ĝi estas evitinda.

La kontraŭstarigo de „artefarita" aŭ „helpa" al „natura" aŭ „vivanta" estas malutila el ĉiuj vidpunktoj. Tia nomado preas eraran impreson, ke Eskeranto tute ne povas funkcii kiel lingvo aŭ, en la plej bona kazo, ke ĝi estas nur ia surogato de lingvo, per kiu oni ne povas esprimi la nuancojn kaj subtilaĵojn de la penso. Superflue diri, ke tia antaŭjuĝo, al kiu la eraroj en nia informado abunde kontribuis en la pasinteco kaj bedaŭrinde ankoraŭ kontribuas, grave obstaklas la normalan disvastiĝon de la lingvo en la larĝaj popoltavoloj. Krome, per tio ni mem liveras municion por la kanonoj de la konsciaj malamikoj de Esperanto. Tio okazis multfoje. Denove tio okazis antaŭ nelonge en grava nacia instanco, kiam influhava publika figuro sukcese oponis eksperimentan instruadon de Esperanto en la lernejoj per la argumento, ke ĝi ne havas klerigan valoron kiel la „vivantaj" lingvoj kaj ke, cetere, ĝi mem atribuis al si nur la rolon de „helpa" lingvo. Fine, necesas ne forgesi la negativan efikon de tia endoktriniĝo pri „artefariteco" je la mensoj de komencantoj kaj kelkfoje eĉ de personoj, kiuj jam ekuzis la lingvon. Superflue kreiĝas ia danĝera komplekso de malpli granda valoro de Esperanto kompare kun la naciaj lingvoj, kio malhelpas la plenan ekregon de la lingvo. La fenomeno de „eternaj komencantoj" ŝuldiĝas almenaŭ parte al tiu psikologia aspekto.

Forigi maltaŭgajn kaj plene superfluajn epitetojn estas unu el la plej gravaj kondiĉoj por pli efika informado kun la celo prezenti la Internacian Lingvon en ĝusta lumo.

---

## Pri la 56-a Universala Kongreso 1971 en Londono

### Problemo de lingva komunikado

Por la ĝenerala kunveno de la 56-a UK, la Estraro de UEA elektis la temon „La problemo de lingva komunikado en la nuntempa mondo" kun la subtitolo „La pozicio de la grandaj naciaj lingvoj kompare kun la neŭtrala Esperanto kaj perspektivoj por la estonteco." Por tiu kunveno oni intencas inviti reprezentantojn de ekzemple British Council, Goethe-Institut, la komitato por la propagando de la franca lingvo, la lingvistikaj institutoj de la Soveta kaj Ĉina Akademioj, Unesko k. a. Tiukaze la kunveno povus havi formon de forumo kun interpretado.

### Delikata debato-temo?!

„Neŭtraleco de UEA — ĉu la nuna laŭstatuta koncepto estas adekvata?" Jen la temo de tre populara kongresa programero, kiu sendube elvokos atenton de ĉiu esperantisto, kiu sincere deziras kontribui al firmigo de la pozicio de UEA en nia tre komplikita kaj malkvieta mondo.

### Gejunuloj konkursos en la parolarto

Monpremioj de 40 ĝis 100 ned. guldenoj atendas la partoprenontojn de la ĉi-jara Oratora Konkurso de la Universala Kongreso. Ĉu kaptos ilin unu el la temoj?

„Ĉu la nuna junularo estas pli aŭ malpli idealisma ol la antaŭaj junaj generacioj?"

„Ĉu ekzistas jam bazaj elementoj de tutmonda kulturo?"

„Nacia lingvo vaste uzata internacie kaj lingva imperiismo".

# Poezio kaj beletro

Okaze de la 100-jara jubileo de la fama ukraina poetino L e s j a U k r a i n k a (L. Kosaĉ-Kvitka, naskiĝis 25. II. 1871) ni aperigas ŝian poemon „Delonga printempo" en interpreto de nia kunlaboranto Aleksandr Logvin.

La poetino multe suferis pro malsano de osta tuberkulozo. Malgraŭ tio ŝi kredis, ke alvenos pli feliĉaj tempoj por la simplaj homoj kaj prikantis la novajn fortojn, alirintajn sur la historian arenon.

Laŭ decido de UNESKO la 100-jara jubileo L. Ukrainka estas omaĝata en la tuta mondo.

## LESJA UKRAINKA
(1871—1913)

### *DELONGA PRINTEMPO*

*Printempo estis gaja, ĉarma, brila,*
*Per helradioj ludis, ŝutis florojn,*
*Rapide flugis, kvazaŭ centflugila,*
*Ĝin sekvis etaj birdoj kantsonoraj.*

*La tuto reviviĝis, ekparolis*
*Ho, bruo verda, ĝojo vivovola!*
*La tuto kantis, ridis, rozkoloris,*
*Nur mi malsana kuŝis sole — sola . . .*

*Mi pensis: „Primaver' por ĉiuj venis*
*Kun la donacoj ĉie sur la teron,*
*Nenion nur por mi akiri penis,*
*Forgesis min ĝojiga primavero".*

*Ne, ne forgesis! En fenestron mian*
*Jen enrigardis branĉ' de l'arbo poma,*
*Trembrilis juna, verda, multfolia,*
*Defalis blankaj floroj ĉe la domo.*

*Alflugis vento, kantis kun aspir' do*
*Pri la liber' printempa ĉiuloke,*
*Tuj post alflugis kantoj de la birdoj,*
*Kiel de la arbara ĉarm' revoko.*

*Animo mia ne forgesos brilan*
*Donacon de l'printempo verdfolia;*
*Ne estas kaj ne estos plu simila*
*al la florinta ĉe l' fenestro mia.*

El la ukraina: A l. L o g v i n

---

Moskva, 12. III. 1971

Kara kaj estimata amiko Esperov,

Nun mi turnas al Vi kun malĝoja novaĵo: hieraŭ mortis Jeŭgenij Aleksejeviĉ Bokarev. Mi proponas al via atento versaĵon por la plej proksima numero de "LĴ".

Detalojn pri E. A. Bokarev vi, evidente, ricevos de N. F. Danovskij, ĉar mi pro malsano ne sukcesos partopreni la funebran ceremonion...

Mi forte premas Vian manon

**A. Logvin**

## MEMORE AL E. A. BOKAREV

**Ni longe iris paralele**
**Sub Esperanto stel' ĉiame.**
**La lingvo sonis tiel bele,**
**ke vi kolektis vortojn ame.**
**Kaj poiome, vort' al vorto,**
**kiel abelo — la nektaron,**
**dank' al fervoro kaj volforto**
**valoran kreis vi vortaron.**
**Ne nur per vorto, sed per faro**
**batalis, plena de la kredo,**
**vi por feliĉo de l' homaro,**
**por homaj rajtoj sur planedo!**
**Gvidanta estis via volo**
**en la kulturaj interligoj**
**por paco, amikec' popola**
**kontraŭ militaj fi-instigantoj!**
**Nun sur la tabl' ripozas plumo**
**kaj nova ne finita libro...**
**En kiu — la anima lumo**
**kaj ĉiu eta kora fibro...**
**La homoj en la viv' — nur gastoj,**
**sed ni forgesas pri la fino.**
**Kaj tamen venas ĉiam hasta,**
**vestita nigre oldulino...**
**Forpasas niaj veteranoj,**
**sin dediĉintaj de la juno**
**el ideal' de l' mondlingvanoj,**
**al granda temo de la nuno.**
**Alflugos baldaŭ gruoj ree,**
**kaj ripetiĝos viv' denove.**
**Nur vi ne venos. Senobee**
**kuŝanta en la ter' senmove...**
**Al vi, amik' de Esperanto,**
**al vi, kreanto de l' vortaro,**
**al vi, porpaca batalanto, —**
**adiaŭ, — diras l' amikaro...**

**Aleksandr Logvin**

Moskva, 12. III. 1971

## QUO VADIS ESPERANTO?

„Kiom da homoj en Jugoslavio aŭdis pri Esperanto? Kiom da ili havas malĝustan bildon pri ĝi?

Sendube, Esperanto ne konfirmis sin kiel faktoro de amasa kulturo. Esperantista komuno troviĝas antaŭ vivbezono eliri el la anonimeco. La ĝisnunaj klopodoj ne montriĝis sukcesaj, kaj nesolvitaj problemoj minacas pliamasiĝi.

Plimulto de la homaro opinias niajn strečojn donkiĥotismo, avanturo de la spirito. Estas lasta tempo por ke ni serioze pensu pri reorganizo de esperantistaj organizaĵoj, reorganizo en la senco de politikiĝo.Ĉu senpolitikeco, en kiu ni estas tenataj, estas, eble, aparta politiko, politiko de nia neengaĝiteco kaj neatingo de bezonataj pozicioj?

Ĉiu nova socia tendenco unue ligas sin al ideoj, poste al movadoj kaj fine — al la praktiko. Ni havas konkretan taskon konfirmigi Esperanton kiel novan socitendencon en tiu dua ŝtupo de ĝia evoluo, konfirmi ĝin kiel movadon. Tion oni povas fari nur per amasigo de niaj vicoj. Nur grandaj amasoj da senpovaj povas fari ion kontraŭ la povaj. Nur granda amaso povas transformi volon en la povon.

Nu, por ke oni atingu la bezonatan koheron, la amaso devas esti forte organizita, celoj konscie determinitaj kaj sistemo de internaj komunikoj alte progresigita.

Demokratio eblas nur tiam kiam estas kreitaj kondiĉoj por ĝi, kiam la homa konscio estos sufiĉe altnivela por akcepti ĝin. Nia movado ne atingis tiun gradon de la evoluo. Ĝi ankoraŭ bezonas fortan kernon, kiu determinigus tendencojn kaj direktigus evoluon al la difinita vojo.

Tiu ĉi artikolo ne pretendas esti finita. Tie ĉi estas nur skizitaj kelkaj problemoj, por ke la legantaro sentu sin intrigita pensi kaj skribi pri la sama temo.

La junularo provokis. Bonvolu respondi."

Jen tion skribas s-ino Jelena Arandeloviĉ en „La Suda Stelo", organo de Jugoslavia Esperanto-Ligo, n-ro 6 — 1970.

Kien iras Esperanto? Ĉu nia movado stagnas? Jen estas demandoj, pri kiuj la jugoslavia gazetaro esperantista ofte skribas, kritikante eĉ siajn eksajn kaj nunajn gvidantojn. Imitinda afero!

La aŭtorino tuŝis interesajn kaj diskutindajn demandojn. La tutmonda E-gazetaro nepre devas pritrakti ilin. De ilia bona solvo dependas la sukceso de nia E-afero.

Kompreneble, ni ne aprobas la pensojn de J. Arandeloviĉ, ke „Demokratio eblas nur tiam kiam estas kreitaj kondiĉoj por ĝi, kiam la homa konscio estos sufiĉe altnivela por akcepti ĝin. Nia movado ne atingis tiun gradon de la evoluo." Interese estas por ni: kian gradon de evoluo, kian altnivelan konscion devas atingi la apartaj popoloj, ŝtatoj kaj organizaĵoj (ankaŭ movado kiel la nia) por akcepti la demokration? Eble demokratio povas ekzisti nur en la tre civilizitaj popoloj? Tiuokaze kial lajne „tiom civilizitaj" popoloj en Eŭropo (inkluzive la jugoslava) batalis kontraŭ la barbaraj „civilizitaj" hitleristoj?

**I. Esp.**

---

## SENRESPONDECA INFORMADO

La itala gazeto „Europeo" publikigis grandan artikolon sub la titolo „La homoj kun maskoj el koto" de Folko Quilici.

La artikolo traktas popoltradiciojn en Nov-Gvineo. Interalie la aŭtoro skribas:

„En la dialekto, parolata de la loĝantoj de la montaraj vilaĝoj, oni ne povas kompreni, kiel oni devas prononci aŭ skribi la nomon de la gento de Azaro Valej, kies membroj ŝmiras siajn vizaĝojn per koto. Sed en tuta Nov-Gvineo, kie oni parolas ĉ. 700 diversajn lingvoin, oni interkonsentis uzi kiel komprenilon **Esperanton, kiun oni parolas jam de la tempo de l'unuaj esplorintoj!"**

La tutan artikolon senŝanĝe kaj senkritike tradukis kaj represis la bulgarlingva semajna gazeto „Tra la Mondo", eldonata de la Bulgara Telegrafa Agentejo (n-ro 34 de 22. VIII, 1970, p. 30).

La malvereco de la citita teksto estas evidenta. En la tempo de la unuaj esploristoj de Nov-Gvineo Esperanto ja ankoraŭ ne estis inventita!

Ĵurnalistoj, kaj precipe redaktoroj, devas havi pli grandan ĝeneralan kulturon kaj ne lasi sin erarigi de senrespondecaj skribaĵoj.

*As. Grigorov, Sofio*

## SOLENAĴOJ OKAZE DE LA 60-JARA JUBILEO DE NIA REDAKTORO ESPEROV

Sofia Esperanto-societo „Maksim Gorki" okazigis specialan kunvenon, dediĉitan al nia jubileulo — redaktoro Ivan Keremidĉiev — Esperov. En la kunveno la prezidanto de la societo parolis pri la vivo, agado kaj meritoj de la jubileulo dum la pli ol 40-jara socia, ĵurnalista kai esperantista konscia aktiveco. La prezidanto varme salutis lin, ankaŭ okaze de lia dekoriĝo per alta ŝtata ordeno. Ĉiuj ĉeestantoj per bruaj aplaŭdoj varme salutis la elstaran E-aktivulon. Apartaj societanoj faris tion per manpremoj, kisoj kaj donacoj.

Post tiu solenaĵo redaktoro Esperov prelegis en la kunveno pri temo: Al novaj sciencaj metodoj kaj formoj de laboro por Esperanto.

Ankaŭ aliaj neesperantistaj organizaĵoj solene notis la 60-jaran jubileon de nia redaktoro, per specialaj renkontoj, salutleteroj kaj donacoj.

En n-ro 2 de „Bulgara Ĵurnalisto" — organo de Asocio de la bulgaraj ĵurnalistoj aperis biografia noto kaj la portreto de Esperov. Per speciala biografia noto tion faris ankaŭ la Vroclava (Pollanda) ĵurnalo „Kuriel Polski". En „Heroldo de Esperanto" n-ro 4-5 oni menciis ankaŭ pri la jubileulo.

Pro neebleco respondi aparte, nun en „I. J." nia redaktoro tutkore dankas al ĉiuj redakcioj, kolegoj kaj amikoj, kiuj perletere aŭ alimaniere salutis lin okaze de lia 60-jariĝo.

## EL LA TUTA MONDO

### LENIN PRI LIBROJ KAJ BIBLIOTEKOJ

Tre modernaj estis la ideoj de V. I. Lenin pri utiligo de bibliotekoj. Jam en 1911 li laŭdis la Publikan Bibliotekon de New York, kiu en unu jaro servis al 1.658.376 personoj. „Fiero kaj gloro por publika biblioteko" — li skribis — „troviĝas ne en la nombro da raraj verkoj, da eldonaĵoj de la 16-a jarcento aŭ manuskriptoj de la 10-a, kiuj tie troviĝas, sed en la **ampleksa** diskonigo de libroj **inter la homamasoj,** en la nombro de nove varbitaj legantoj, en la rapida kontentigo de ĉiu libro-peto, en la nombro da libroj liveritaj al hejmoj, en la nombro da infanoj allogitaj al legado kaj al ĝuado de la biblioteko . . ."

Ankaŭ post la rusa revolucio daŭris lia intereso pri diskonigo de libroj. Li esprimis deziron, ke oni povos „en la daŭro de nur unu jaro, kaj malgraŭ niaj nunaj malfacilaĵoj, doni al la amasoj ĉiujn necesajn lernolibrojn kaj ĉiujn neprajn klasikaĵojn de literaturo, kaj de modernaj scienco kaj tekniko, po du ekzempleroj por ĉiu el la 50 000 bibliotekoj kaj legejoj . . . "

[Laŭ Unesko-novaĵoj kaj Informa Servo de UEA]

### NOVAĴAGENTEJOJ AZIAJ KUNLABOROS

Grava paŝo al pli facila interŝanĝo de novaĵoj en Azio estas nova Azia Informa Centro, projektata de la indonezia novaĵagentejo Antara. Ĝi servos al la membroj de la Organizo de Aziaj Novaĵagentejoj, kiuj ĝis nun interŝanĝis raportojn per ĉiusemajna bulteno aerpoŝte sendita. La nova Centro, kiu troviĝos en Djakarta (Indonezio), ligos la agentejojn per radia servo. Tio ebligos interŝanĝon ne nur multe pli rapidan, ol antaŭe, sed ankaŭ multe pli ampleksan. Sed restas ĉefa intereso de la servo novaĵoj pri kunlaboro inter la aziaj landoj.

La Organizo estis fondita sekve al Uneska konferenco pri nacia kaj regiona interŝanĝo de novaĵoj, kiu okazis en Bankoko (Tajlando) en 1961.

[Laŭ Unesko-novaĵoj kaj Informa Servo de UEA]



**Sen vortoj . . .**

*MIA NOVJARA TOSTO*

*Salutojn kaj gratulojn, Amikaro!*
*Mil bondezirojn por la Nova Jaro!*
*Jen mia tost' — kristale sonorbato —*
*Por ĉiam hom' al homo estu frato!*
*Por ĉiam paco regu kaj konkordo*
*Sur la planedo blua, sed senorda!*
*Kaj panon havu la homar' abunde,*
*Kaj birdoj kantu, kresku floroj bunte!*
*Kaj nin, esperantistojn de la nuno,*
*Karesu kaj prilumu hela suno!*

A. Logvin, Moskva, XII. 970

## ESTRARO DE TEĴA

*Prezidanto — Olav Thormodsen, P. O. Box 59,5501 Haugesund, Norvegio.*

*Vicprezidantoj — Niilo Kavenius, Taskulantie, I, H139, Turku 9, Finnlando; N. F. Danovskij, Central-nij telegraf. Do vostrebovania, Moskva k-9, USSR.*

*Ĝenerala Sekretario kaj Redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" — Ivan Keremidĉiev—Esperov, bul. „Hristo Botev" 98, Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04.*

*Sekretario-kasisto: Dino Fabris, Borgo Bassano 5, Cittadella (Padova), Italio.*

*Estraranoj: s-ino Karen Salmose, Dalgatan 3A, Marsta, Stokholm, Svedio; Imre Szenes, Rakoczi ut 54, Budapest VII, Hungario; Jerzi Uspicnski, Anielewibza 2 m 32, Warszawa, I, Pollando; s-ino Zlata Flego, Zagreb, Jugoslavio kaj I. Jepsen, Danlando. (La lastaj du adresoj neplenaj).*

*Redakcio „Internacia Ĵurnalisto" sincere dankas al ĉiuj gekolegoj, kiuj salutis ĝin okaze de la novjaraj festotagoj.*

## NOVAJ MEMBROJ DE TEĴA

Wladas Kaznaus Kus, Kaunas — 28, str. Varpo 21-1, Litova SSR, USSR.

S-ro E. Frost, Ved Fortunen 16, DK-2800 Lyngby, Danlando.

S-ro Lennart Aberg, Box 55028, S-400, 53 Gotenburgo, Svedio.

S-ro F. Maitland, Braeside, Kenardington, Ashford, Kent, Anglio.

S-ro E. Ockey; 15, Upper Pines, Wodmansterne, Banstead, Surrey, Anglio.

S-ino N. M. Razzell; 8, The Drove, Brighton, BNI 5NN, Sussex, Anglio.

Minko Conkovski, str. Car Boris I, N 140, Sofia, Bulgario.

S-ino Rajna Konstantinova, str. Ivan Zâbĉeto 2/III, kv. Ĥ Dimitr, Sofia, Bulgario.

### NIA POŜTO

**Emil Mayer, Krakow, Pollando. — Dankon por la gratuloj. Bedaŭrinde estas, ke via letero ne trafis nin en Vieno. Ni proponas al vi ree okupiĝi kun nia TEĴA — afero kiel reprezentanto por Pollando.**

**Lennart Aberg, Gotenburgo. —Svedujo Ni prenis noton de via letero kaj dankas vin. La kotizon vi povus pagi ankaŭ al s-ino K. Salmose, estraranino de TEĴA.**

**O. Knichal, Praha, Ĉeĥoslovakio. — Al MON en Praha ni sendas regule nian organon. Ĉu vi ne povus okupiĝi iom pli regule pri la ĵurnalista afero en via lando ?**

### 114 GAZETOJ, REVUOJ KTP APERAS EN ESPERANTO

Nun en la mondo aperas 114 gazetoj, revuoj, bultenoj ktp en la Lingvo Internacia. Parto de ili estas organoj de naciaj kaj internaciaj, organizaj kaj fakaj Esperanto-organizaĵoj. La alia parto de periodaĵoj estas eldonataj de sendependaj personoj kaj organizaĵoj.

### TURISMA KALENDARO 1971

Interesa ilustrita, grandformata kaj 16-paĝa broŝuro, entenanta la programojn de ĉiuj plej gravaj internaciaj kaj landaj renkontiĝoj, seminarioj kaj kongresoj de la esperantista junularo. Eldonis: Unuiĝo de polaj studentoj - Torun, Pollando, prilaboris: Turisma servo de TEJO. Liverebla de: Turisma servo de TEJO, Marek Lasser, Mickievicza 6/10, Torun, Pollando.

**Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hristo Botev 98 Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04**

**Redaktoroj: M. Conkovski kaj R. Konstantinova**